# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**

Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúiz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es

Kunlaborantoj: Salvador Gumá, Mguel Fernández, Vicente Hernández, Andres Martín, Luis Serrano, Antonio Valén, Antonio Marco.

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto: 14.011.966, Caja Postal**
**admin@esperanto-es.org**
**www.esperanto-es.org**



## Enhavo

# Kelkaj konsideroj pri *Expolingua*

Forpasis ne multe sed ja sufiĉe da tempo de kiam mi fariĝis Prezidanto de Hispana Esperanto-Federacio kun la celo kunordigi la diversajn agad-sferojn de la Asocio. Tial do oni povas starigi bilancon pri la disvolviĝo de la HEF-agado kaj pri ties influo super la hispana e-komunumo ĝenerale.



*Miguel Ángel Sancho*
*Prezidanto de HEF*

La nuna estrar-politiko signifas gravan ŝanĝon rilate al la ĝisnuna agadmaniero. Laŭ nia kompreno ĝi estas nek pli bona nek pli malbona ol tiu de antaŭaj estraroj, sed diferenca, konvene adaptita al la nunaj sociaj kaj historiaj cirkonstancoj kun la celo esti pli efika. Nu, resume dirite jen la bazoj de ĉi politiko:

— Certigi la ekonomian stabilecon de la Federacio kaj aktivigi la necesajn mekanismojn por konstanta financado de projektoj, ne nur sub la aŭspicio de HEF sed de la tuta hispana e-komunumo.

— Direkti nian agadon precipe al informado de la ĝenerala publiko. Tiucele ni jam iniciatis vastan planon kiu celas provizi la Federacion per institucia bildo kaj per publicaj kaj informaj rimedoj modernaj kaj allogaj.

— Disvolvi nian agadon celante realismajn projektojn, t.e. projektojn realigeblajn pere de la buĝeto kaj de la disponeblaj homoj. Ĝia plenumo dependu nur de nia propra laboro, ne de la fortuno aŭ la bonvolo de homoj fremdaj al nia afero. Sukcesoj kaj fiaskoj devas esti objektive takseblaj surbaze de la ricevitaj rezultoj.

Rilate al la unua punkto, la Federacio enkondukas laŭgrade pli rigoran normaligon de la administrado danke al la ĉiujara difino de buĝeto kaj de agadplano, tiel evitante kaj deviojn de la elspezoj en ĉiu ero de la buĝeto, kaj ajnan improvisadon. Aliflanke, kiel Prezidanto de *Fundación Esperanto* mi klopodis funkciigi mekanismon por financado de projektoj kiuj garantiu la daŭran disvolviĝon de nia lingvo en Hispanio.

Rilate al la dua punkto, ni aparte klopodis provizi la Federacion per profesiaj instrumentoj koncerne al publicado, informado kaj institucia bildo. Tiucele ni komencis per la kreado de logotipo kaj de la necesaj oficejaj paperaĵoj. Poste ni faris grandan strebon por lanĉi propran ttt-paĝaron en Interreto (Internet) kun serioza kaj altkvalita enhavo kiu estu informa referencilo en la kastilia lingvo. Oni bone komprenu ke la HEF-paĝaroj ne celas la esperatistojn sed la ĝeneralan publikon. Lasta-

tempe oni provizis la pagojn per alloga profesia dizajno ducele: altiri pli grandan nombron da homoj kaj montri ke niaj kapabloj staras samnivele kun tiuj de ajna asocio. Krome ni dizajnis kaj eldonis triptikan informilon kaj afiŝon por la uzo ne nur de la Federacio, sed ankaŭ de ajna enlanda aŭ eksterlanda organizo kiu bezonos publican hispanlingvan materialon. Por kompletigo la Federacio provizos sin venontjare per plurpaĝa informilo kun ĝeneralaj donitaĵoj, sekvante ĉiam la samajn kriteriojn de kvalito kaj institucia bildo. Estas rimarkinde ke ĝis nun la Federacio ne disponis tiujn elementojn, ĉar la malmultaj publikigaĝoj disponeblaj ne respondas al la bazaj bezonoj de informado kaj, cetere, havas nekonvenajn aspekton kaj enhavon.

Mi deziras konsideri ankaŭ nian situacion en Interreto, des pli ke mi rimarkis certan grandon de nekompreno rilate al iuj niaj decidoj tiukampe. Ekzistas sur la merkato personaj kontraktoj kiuj permesas disponi ampleksan laborspacon por publikigado de paĝoj. Tamen ni elektis institucian kontrakton sub la samaj kondiĉoj difinitaj por ajna privata entrepreno. Tion ni faris ĉar Interreto estas por ni la baza instrumento de informado kaj kontakto kun la "nemovada mondo". La provizantoj do traktas nin kiel entreprenon, ne kiel privatulon, postulante altajn tarifojn. Responde ni havas je nia dispono altkvalitan servon, kies stabileco dependas nur de la telefonlineo, kun ne limigita nombro de retadresoj, ttt-spaco kaj helpo por programado kaj alireblo al datenbazoj. Tio liveras al ni suplan laborkampon sur kiu ni ĉiam povos apliki novajn programteknikojn. Nuntempe ni profitas nur etan parton el tiu potencialo. Malavantaĝa estas ja la kosto, kiu superas tiun normalan por privatuloj, kvankam ni daŭre klopodos negoci la totalan koston de la servo por redukti la elspezojn.

Laste, ni decidis ĉesi en la strebado al nerealigeblaj celoj, bazitaj sur la devizo "aŭ ĉio aŭ nenio". Ni klopodos, kiel cetere faras



*Manolo Parra deĵoras ĉe la fono de la stando*

alispecaj asocioj, plenumi niajn statutajn celojn pere de eltenebla agado bazita sur la antaŭdifinita buĝeto kaj la fortoj alportitaj de la volontuloj. Ni opinias ke estas preferinde fari malmulton bonan ol strebi al multo forbruligante ĉies esperojn por fine ricevi nenion.

Jen kial mi proponis centrigi ĉijaran agadon en nia unuafoja partopreno en la internacia foiro de la lingvoj *Expolingua*. Fakte ni celis ne nur ĉeesti, sed eluzi la eblecojn de nia partopreno por plene transformi nian agadmanieron surbaze de normaleco, kvalito kaj fiksado de tre konkretaj celoj. Miaopinie, ĝuste ĉi konceptado de la afero kondukis nin al sukceso. Ĉi kaze mia eventuala merito konsistas en la estrado de nia projekto por ke ĝi ne deflankiĝu de tiu vidpunkto. Kaj tuj mi devas klarigi ke ne mi plenumis la laboron. Ĝin ebligis ja ĉiuj



*Interesitoj konsultas la ttt-paĝaron Fone staras s-ro Fernando.*

partoprenintaj volontuloj, kaj kvankam estus nepardoninde forgesi iun ajn, mi deziras aparte danki sian dediĉemon al Ana Manero.

Mi kontentas pro la fakto ke multaj homoj sentas propra la sukceson, ĉar fakte ĝi estas de ĉiuj kaj por ĉiuj. Sed mi volus ankaŭ enfazi ke la projekto ne konsistis nur en la partopreno en *Expolingua*, sed en la agadmaniero: simila al tiu de aliaj ekspoziciantoj, proponante varon kaj uzante por tio samajn aŭ eĉ pli bonajn rimedojn ol la ceteraj. Tiuj kredantaj ke oni povintus tion fari improvize, vendante insignojn, uzante propagandajn rimedojn aŭ pretendante konversojn, situas mense tre for de tio kion ni difinis al ni: informi kaj montri niajn lingvon kaj kulturon kun la celo ke la socio konu kaj respektu nin. Mi esperas ke la homoj kiuj ne samopiniis kun ni, nun rekonos la laboron faritan kaj ĝian efektivan valoron.

Tamen, ĉu oni povas paroli pri sukceso? Nu, konsiderante la agad-parametrojn de la Federacio ni devas nepre diri jes (vidu sur la 3a paĝo). Nu, en kvar tagoj ni sukcesis kvarobligi la normalan agadon de unu jaro, kaj la organiza teamo povis rekte fieri pri la rezulto de sia agado. Tiu fiero baziĝas unue sur la grandaj grupoj de interesitoj kiuj daŭre ĉirkaŭis nian standon, due sur la komentoj de ĉeestantoj kiuj gratulis nin pro la profesieco kaj intereso de nia stando kompare kun la ceteraj en la ekspozicio, kaj laste, sed ne balaste, sur la elmontroj de respekto fare de la aliaj partoprenantoj.

Ĉiu mem eltiru siajn konkludojn. Kompreneble, ni ricevis ankaŭ kritikojn, plurajn ne senbazajn. Ja ni scias ke ne eblas fari ĉion bone, ke multaj aferoj ankoraŭ misas. Sed ni konscias ke ni kuraĝe paŝas sur terenoj amtaŭe ne esploritaj, kaj ni firme kredas ke nia laboro iras nun sur ĝusta vojo al aperta futuro por Esperanto en nia lando.

*Miguel A. Sancho*
*Presidente de HEF*

## Alvoko al Ordinara Ĝenerala Kunsido

**Konforme al nia statuto, la HEF-prezidanto alvokas ĉiujn membrojn al la Ordinara Ĝenerala Kunsido okazonta en Castellón, kadre de la 58a Hispana Kongreso, la 19an de julio je la 17a horo, por pritrakti jenan tagordon:**

**— Eventualaj prikomentoj rilate al la agadraporto pri 1998 kaj la kontoetato de 1998, aprobitaj kaj jam prezentitaj en majo 1999.**

**— Demandoj, petoj, proponoj.**

**La Sekretario, Manolo Parra**

# Estrarkunsido

La 29an de majo 1999 kunvenis en la HEF-sidejo la kasisto Pedro Garrote, la sekretario Manolo Parra, la vicsekretario Marcos Cruz kaj la konsilantino Ana. Per diversaj rimedoj kontribuis kaj diste intervenis la vicprezidanto José M. Galofré kaj la voĉdonantoj Luis Hernández, Miguel Gutiérrez kaj Augusto Casquero, kaj la konsilanto José María Rodríguez. Ekskuziĝis la prezidanto Miguel A. Sancho. Krome ĉeestis pluraj aliaj membroj.

1) Marcos Cruz informis pri la afero «disko *Esperanto*», produktita de Julián Ruiz kaj eldonita de Warner antaŭ du jaroj. Siatempe s-ro Ruiz promesis kompensi per 300.000 ESP la helpon ricevitan de HEF, kiu ofertis disdividi tiun sumon kun la ankaŭ helpintaj asocioj de Britio, Bulgario kaj Rusio. Malgraŭ ĉiaj klopodoj, laste per letero de nia Prezidanto en junio 1998, la mono neniam alvenis. Tial do ni taksu la aferon fermita, kaj en tiu senco ni leteru al la diritaj landaj asocioj.

2) Ana Manero laŭtlegis sian informon pri *Expolingua* (vd. sur la paĝoj de Boletín). Oni prikomentis ĉiun punkton, aldonante eblajn plibonigojn por eventuala estonta partopreno.

3) Ni decidas proponi al la grupoj, kolektivaj membroj de HEF, ekzemplerojn de la triptiko ĵus eldonita je ĝia pres-kosto, t.e. po 21 pesetoj. Minimuma mendo estas 50 ekz.

4) Imposto pri Ekonomiaj Agadoj (IAE), en rilato a la vendado de libroj. Principe ĉiuj konsentas ke indus agi tute laŭleĝe pri impostoj; tamen, konsiderante la seriozajn problemojn kiuj venus se HEF enskribiĝos por tiu imposto, kaj la komplikecon de la demarŝoj, ni decidis peti la konsilon de spertulo. Dume antaŭeniras la demarŝoj celantaj ke HEF ricevu de la madrida Magistrato impostan pagesceptoп rilate al la Imposto pri Nemoveblaj Posedaĵoj (*IBI*), kio kostas al HEF 15.400 ESP jare.

5) Ĝis nun HEF ofertis la eblon aboni nian revuon sen membriĝo, je kosto pli malpli simila al la ordinara membro-kotizo sed fiksita en guldenoj. Por la jaro 2000 kaj sekvaj ni decidas forigi tiun eblon ĉar praktike estas neniu diferenco inter abonantoj kaj membroj.

6) La proponon de MEL, donaci librojn al la kongresanoj en Castellón, ni taksas nekonvena sed decidas, interkonsente kun la libroservo, oferti dum la kongreso jenajn librojn kun 50% rabato: ABC de la Eŭropa Unio, de Rafaela Urueña; Sur la spuroj de F.G.L., de Miguel Fernández; Parolu E-on, de José Fernandez Arroyo.

7) Propono de la grupo de San Javier por onta Hispana Kongreso: Post analizado de la dosiero transdonita de Tomás Ortiz, ĉefe konsistanta el turismaj prospektoj kaj loĝ-eblecoj en la regiono de la Malgranda Maro, la Estraro montris dubojn pri la ekzisto de taŭga organizonta skipo: La

temo restas studota en la Kongreso de Castellón.

8) La sekretario raportas pri okazinta kunsido de la komunumo de posedantoj de nia konstruaĵo.

*La sekretario*

# Expolingua 1999

De la 22a ĝis la 25a de aprilo Hispana Esperanto Federacio unuafoje partoprenis la internacian foiron pri lingvoj *Expolingua*, kiu, en rilato al instruado kaj promociado de lingvoj, estas la sola okazanta en Hispanio, kun 16.000 vizitantoj. Dum 4 tagoj do, ni havis la ŝancon montriĝi al multnombra senpartia publiko per partopreno nepre modesta kaj senpompa, sed sendube inda, respondeca kaj aktiva.

## Niaj celoj

Jen la celoj al kiuj ni strebis:

1) Rilate al la publiko:

a) Montri decan bildon de la asocio.

b) Veki pozitivan sintenon rilate esperanton.

c) Ampleksigi la konon pri la lingvo.

d) Konsciigi pri la enhavo de la Manifesto de Prago.

2) Internaj:

a) Modernigi kaj pligrandigi la informsistemojn de la asocio.



*Grupoj de gejunuloj "kontaktas" Esperanton pere de ludo*

b) Pligrandigi niajn memkapablojn por respondece labori teame.

3) Atingo de rimedoj:

a) Ampleksigi nian datumbankon de interesiĝantoj kaj simpatiantoj.

b) Kreskigi nian membraron.

c) Akiri enspezojn por malatigi la koston de la entrepreno.

Nian partoprenon en tiu evento ni ligis al la Kampanjo 2.000, ĉar niaj celoj kongruas kun tiuj de la kampanjo: levi la prestiĝon de esperanto kaj levi la organizan kaj idean nivelon de la esperanto-komunumo.

Aparte ni zorgis pozitive impresi la publikon jen per la prezentitaj materialoj jen per nia agadmaniero, klopodante ne aperi kiel konkurantoj de aliaj lingvoj. HEF sin prezentis kiel moderna kaj plene organizita asocio tute kongrua kun la nuntempo. Atingi ĉion ĉi eblis nur ĉar antaŭe ni plurfoje kunsidis por proponi, debati kaj fine interkonsenti ĉion en rilato al la foiro, kiel ekzemple: ekspoziciindan materialon, uzendajn informilojn kaj komunajn respondojn al plej oftaj demandoj.

## Informiloj

Okaze de Expolingua, HEF eldonis inform-triptikon laŭmende dezajnitan de profesiulo. La rezulto estas allogilo kiu donas ĝeneralajn sciigojn pri la lingvo kaj ties utilo. Ĝi enhavas tondeblan kuponon kiu ebligas peti pliajn informojn. Espereble tio liveros al ni informojn por kreskigo de nia datumbanko. Dum la kvar tagoj de la foiro ni disdonis ĉirkaŭ 2.000 triptikojn. Surbaze de la triptiko, ni pretigis surmuran afiŝon.

Ankaŭ niajn interretajn paĝojn rearanĝis profesiulo. Ili estis konsulteblaj en la stando kaj ricevis grandan nombron da vizitantoj. Flugfolie ni liveris la Manifeston de Prago, informojn pri nia asocio kaj liston de rekomenditaj lernolibroj.

Ankaŭ muzikon ni montris. Ni profitis el tio ke per la komputilo eblas aŭskulti k-diskojn. La bela katalogo de Vinilkosmo evidentigis varian oferton.

## Ludo-testo

Ĉefa allogilo ĉe nia stando estis la ludotesto. Temas pri kvazaŭ ekzameneto pri gramatiko kiun oni devis plenigi por partopreni lotadon, kies premio estis perkoresponda kurso de esperanto. Ni lotis unu perkorespondan kurson ĉiutage.

La ludo estis vere sukcesa ne nur pro la intereso, kiun ĝi vekis inter la partoprenantoj, sed ankaŭ pro tio ke ĝi liveris al ili senperan kontakton kun la lingvo. Sur brila flava papero ni donis kelkajn elementajn klarigojn pri diversaj aspektoj de la lingvo kaj proponis, rilate al ili, plurajn demandojn kies ĝusta respondo havigis la rajton partopreni en la lotado. Nu, nekredeble kiom da homoj pretis *ekzameniĝi*. Plurfoje la stando




estis tiom plena, ke la ekzameniĝantoj ŝtopis la koridoron. Multaj sidis surplanke, ĉeangule aŭ ŝtupare por plenumi ĝin. Multfoje ni rekomendis al ili iri en la kafejon por pli trankvile *fari sian taskon*.

Pluraj partoprenantoj petis kromajn ekzemplerojn por disdoni inter siaj samklasanoj aŭ lernantoj. En tute ni disdonis 1.000 ekzemplerojn el kiuj revenis al ni pli ol la duono. Tio kontribuos al pligrandigo de nia datumbanko kaj estonte ĝi verŝajne estos la bazo de ĉeestaj kursoj.

Averaĝe, virinoj montris intereson pli ofte ol viroj. Fakte inoj estis la kvar gajnintoj. Verŝajne ĉar instruado estas, ĝenerale, ina metio kaj multaj instruantoj vizitis la foiron.

## Aliaj materialoj

La senhalta prezentado de Mazi montriĝis plia pozitiva help-argumento. Multaj

jam konis la anglan version kaj ili haltis antaŭ la televidilo por prikomenti ĝin. Tiam ili rimarkis ke Mazi parolas "alian lingvon" ol kutime. La simpatiaj bildoj estas atentokaptaj kaj prekaŭ ĉiuj, ĉefe la junuloj, konas la rolantojn. Resume, ĝi faciligis al ni la vojon por alparoli la gapantojn.

Kvankam nia ĉefa celo ne estis vendi, ni disponis lernobibrojn, vortarojn, informbroŝurojn kaj alispecan materialon. Per ili ni enspezis 150 eŭrojn.

Ekspozicie ni prezentis librojn kaj revuojn elektitajn ĉefe pro ilia aspekto. Sciencfikcio, klasikaĵoj, eseoj, poezio, infana literaturo, scienco..., ni klopodis montri kiel eble plej larĝan kampon de la homa scio.

## Amaskomunikiloj

Antaŭ la foiro ni sendis, al la gravuloj kaj ĵurnalistoj kiuj foje havis rilaton kun ni, gazetaran komunikon kune kun persona letero de nia Prezidanto kaj invitilo por la foiro. Inter la ricevintoj, menciindas S-ro Spottorno, sekretario de la Hispana Komitato pri Kunlaboro kun UNESKO. Dum la foiro, pluraj ĵurnalistoj montris sian intereson, tiel ke 4 televidstacioj, 4 radiostacioj kaj unu novaĵagentejo intervjuis la ĉiam viglan kaj spritan Akademianon s-ron Jorge Camacho.

## Subvencipeto

Por redukti la koston de la entrepreno, HEF petis subvencion al la Ministrejo pri Kulturo. Sed oni devos ankoraŭ atendi por ricevi ajnan respondon.



*Nia stando vidata de la kafejo*

## Anekdoto

Post la solena malfermo, la gravuloj —inter ili S-ro Álvarez del Manzano, urbestro de Madrido,— faris salutrondon. Alveninte ĉe ni, nia stando kaptis la atenton de la urbestro, kiu komentis: "Nu, ĉi tio igos la ceterajn lingvojn nenecesaj".

## Taksado de la agado

Celoj en rilato al la publiko (1) estis ĝenerale atingitaj. Ni kontentas ĉefe pro la intereso vekita inter la junularo, por kiu esperanto estis agrable surpriza malkovro. La gejunuloj aparte intersiĝis pri Pasporta Servo. Ankaŭ la internaj celoj (2) liveris kontentigan rezulton. Nun ni disponas modernan kaj allogan inform-materialon kiun ni povos uzi estonte. Rilate al la celoj de la tria grupo —atingo de rimedoj—, ni ne povas diri same. Kvankam nia datumbanko kreskis, ĉefe pro la ludo-testo, nia membraro *ankoraŭ* ne. Kompreneble, ni ne scias ĉu ni ricevos la ministerian subvencion. Resume oni povas aserti ke nia partopreno en Expolingua estis tre pozitiva sperto inda je ripeto.

2a celo: altigi la prestiĝon de esperanto

## Venu studi la esperantlingvan tribon

Komence de aprilo Renato Corsetti petis al ni traduki hispanlingven tekston, kiu invitas lingvistojn partopreni la Universalan Kongreson kaj studi la esperantlingvan tribon. Poste ni devis dissendi ĝin nialandaj lingvistoj kies retadresojn ni disponas.

La peto alvenis en maltaŭga momento, tiam ni preparis nian partoprenon en *Expolingua*, ni opiniis ke la peto tre gravas kaj ni ne volis preteratenti ĝin. Do tuj kiam finiĝis la foiro, ni komencis okupiĝi pri la afero.

Ĉefa problemo estis la fakto ke nia datumbanko ne disponis adresojn de profesiaj lingvistoj. Tion ni solvi jene: ni petis diskonigi la dokumenton inter la lingvistoj de siaj respektivaj universitatoj al esperantistoj engaĝitaj en universitataj medioj, t.e. David Galadí, Rafaela Urueña kaj Augusto Casquero.

La ceterajn universitatojn ni kontaktis per cirkulero enhavanta la invitilon kun aldona prezentletero klariganta pri HEF kaj UEA. La tuton ni sendis al la departementestroj pri lingvistikoj de tiuj universitatoj, kies poŝtadresojn ni trovis en Interreto, kun la peto havigi la informojn al ĉiuj membroj de la departemento.

Ricevis inviton jenaj universitatoj: Universidad Autónoma de Madrid; Universidad Complutense de Madrid; Universidad Antonio de Nebrija; Universidad Alfonso X El Sabio; Universidad Europea de Madrid; Universidad de Valencia; Universidad de Barcelona; Universidad de León; Universidad de Valladolid

Universidad de Salamanca; Universidad Pontificia de Salamanca

Universidad Internacional S.E.K.; Universidad Pontificia de Comillas; Universidad de La Laguna; Universidad de Las Palmas de Gran Canaria; Universidad de Extremadura; Universidad de Deusto; Mondragón Unibertsitatea; Universidad Pública de Navarra; Universidad de Navarra; Universidad de La Rioja

Universidad de Córdoba; Universidad de Cádiz; Universidad de Sevilla; Universidad Internacional de Andalucía; Universidad de Málaga; Universidad Santiago de Compostela; Universidad de Vigo; Universidad de La Coruña; Universidad de Murcia

Universitat Jaume I.

Krom al la universitatoj, la inviton ni sendis al du asocioj de lingvistoj: A.E.S.L.A. Hispana Asocio de Aplikita Lingvistiko (*Asociación Española de Lingüística Aplicada*). Kaj A.L.F.E. Asocio de Lingvistoj por Specifaj Celoj (*Asociación de Lingüistas para Fines Específicos*).

Fine, ni sendis gazetaran komunikon surbaze de la invitil-teksto por pli vaste diskonigi ĝin.

Eĉ se neniu hispana lingvisto akceptus la inviton, estas tre pozitiva fakto ke HEF kontaktis lingvo-profesiulojn per tiom interesa propono. Espereble ni estonte rikoltos la fruktojn.

*Ana Manero*




La Fondaĵo Esperanto, kune kun la Aragona Esperanta Societo "Frateco" ĵus akiris ejon en la urbo-centro de Zaragozo, Str. La Cadena 20-22. De nun tie estos la sidejo por ambaŭ asocioj. La Fondaĵo Esperanto kaj la Societo "Frateco" aĉetis ĉi tiun loĝejon danke al la sindonemo kaj al la malavaraj donacoj de kelkaj geesperantistoj. La nova sidejo estos ege utila por pli bone kunordigi la agadojn de la Fondaĵo kaj ankaŭ por konservi la riĉan bibliotekon kaj ĵurnal-kolekton de la Aragona Esperanto-Societo, kiu konsistas el ĉirkaŭ 4.000 volumoj. Sciu ke, la Societo "Frateco" de Zaragozo estis oficiale fondita en la jaro 1908a, kaj de tiam ĝi laboras seninterrompe. Eĉ dum la malfacilaj jaroj post nia intercivitana milito, "Frateco" sukcesis disvastigi la internacian lingvon Esperanto en Zaragoza.

Fundación Esperanto, tutlanda hispana fondaĵo oficiale agnoskita de la ŝtato, estas jure dotita por formuli, efektivigi aŭ simple helpi per subvencioj esperantistajn projektojn docentajn, eldonajn, informajn kaj ajnan aktivaĵon sen profita celo. Ĝi nutras sin per donacoj, heredoj kaj subvencioj jen de oficialaj institucioj jen de simplaj esperantistoj kaj simpatiantoj. La aktuala Leĝo pri Fondaĵoj *tute ne* permesas uzi la kapitalon sed nur la renton de ties havaĵo por la instruado kaj disvastigo de Esperanto. Do ju pli da kapitalo des pli alta rento uzenda por Esperanto-celoj. Jen plej trafa formulo por ke veraj esperantistoj investu sian monon sen ebla perdo de la propra celo.

Dum la jaro 1999 Fundación Esperanto elspezos por tiu tasko 2.100 eŭrojn (350.000 ptojn).

Cetere, la Fondaĵo serĉas eldonejon por aperigi la eseon de s-ano Antonio Valén "El Esperanto: Lengua y Cultura" (Esperanto: lingvo kaj kulturo) Tiu gvidlibro celas informi pri Esperanto: realeco, rimedoj, atingoj... Krome ĝi proponas kompletan trarigardon pri la E-Literaturo. Ne facilas trovi taŭgan eldonejon, ĉefe ĉar la entreprenoj celas nur tujan kaj grandan profiton.

Same, danke al la informado de la Patronino de la Fondaĵo, D-rino Rafaela Urueña, ni kontaktis kun la Fakultato de Tradukado kaj Interpretado de la Universitato de Valadolido. Tiu Fakultato diskonigis sian projekton "Hermeneus" kies celo estas eldoni la revuon "Uertere". Tiu revuo aperigos hispanlingvajn tradukon de libroj originale verkitaj en lingvoj ne tro konataj aŭ minoritaraj. Por partopreni en tiu projekto la Fondaĵo Esperanto kontaktis kun José Francisco Martin del Pozo, elstara andaluza samideano, gimnazia profesoro kaj doktoriĝanto pri Greka Filologio, tradukinto de la klasikaj verkoj Aukcio de Vivoj de Lukiano; Dialogo de la dioj ankaŭ de Lukiano; kaj komentariisto de la ĵus reeldonita Plutoso de Aristofano (tradukita de D-ro Eugène Noël). José Fco. Martin del Pozo prezentis sian projekton por traduki

**Fundación Esperanto disdonos ĉijare 350.000 pesetojn por esperanta agado**

en la hispanan lingvon, kadre de la projekto de la Soria Fakultato, la verkon de William Auld "La Infana Raso".

*José M. Rodríguez, Direktoro.*
fundacion@esperanto.nu

# Instruado

Dum la Hispana kongreso de Esperanto (Castellón, 17a ĝis 21a de julio) okazos kunveno por pritrakti la nuna situacion de la Esperanto-instruado nialande kaj trovi vojon al kunlaborado kun ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) kaj ĝia ĉefa respondeculo en Hispanio, s-ro Martín Burutxaga.

Antaŭ ĉio mi, kiel HEF-Estrarano pri Edukado, proponas aliĝon al ILEI, ĉar tio permesos plej efikan kunlaboron. La jarkotizo kostas nur 22 guldenojn (ĉ. 1800 ptojn), kaj estante membro oni ricevas la interesan bultenon "Pedagogia revuo". Pristudindas la ebleco okazigi kursojn de Esperanto en oficialaj lernejoj, profitante la ĉijarajn spertojn en Blanes (Martin Burutxaga), Valencia, Tarragona (Marimón), La Laguna (Alejandro López de Vergara), Murcio (de las Heras), ktp.

Ankaŭ mi dezirus scii ĉu iu el vi, aŭ iu alia konato, partoprenos la ILEI-Konferencon ĉi jare (ĝi okazos tuj post la UK de Berlin, en Karlovy Vary, Ĉeĥio). Mi esperas ricevi vian proponojn kaj opiniojn antaŭ la kongreso de Castellón.

Memoru ke dum la kongreso en Castellón okazos EKzamen-sesio de ILEI, por tiuj kiuj havas intereson ricevi diplomojn de UEA.

*Augusto Casquero*
*HEF-Estrarano pri Edukado*

# Kotizperado de UEA

La kotizperanto de UEA en Hispanio celas unuflanke varbi membrojn por UEA (flankon de la laboro kiun ni apenaŭ povas plenumi), kaj administri la pagojn por membro-kotizoj de UEA (10% makleraĵo), por abonoj al "Esperanto" kaj "Kontakto" (20% makleraĵo) kaj por aliĝkotizoj al Universalaj Kongresoj (5%) kune kun la koncernaj mendoj de loĝado kaj ekskursoj (0% makleraĵo).

HEF ankaŭ peras la revuon Eventoj (10%). Sed nenion alian ni peras. Tial do ni ne akceptas abonkotizojn por la revuo Monato nek por aliaj revuoj nek por aliaj asocioj (vidu Boletín n-ro 338, 29a paĝo). Nur esceptokaze ni akceptas transpagon de UEA-membro al ties UEA-konto (0%).

Cetere nun HEF havas kresko-problemon. Fakte, tagon post tago kreskas la agado de la Asocio sur plej diversaj kampoj, kaj nia sekretario, Manolo Parra, kiu tre sindone okupiĝas nun ankaŭ pri la kotizperada laboro, foje ne pova plenumi la diversajn taskojn sufiĉe akurate. Kompreneble, el tio foje sekvas diversaj ĝenoj por la uzantoj de la servo. Tial HEF deziras ke alia homo transprenu la kotizperadon de UEA, ĉu nome de HEF kiel nun, ĉu propranome kiel antaŭe, por eviti kolapson en la bonega laboro de nia sekretario. Sendependa peranto povas esti iu ajn, sed homo laboranta nome de HEF devos plenumi unu el ĉi du kondiĉoj: loĝi en Madrido aŭ uzi retpoŝton. Ni atendas sinproponojn!



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* La pasintan 8an de majo renkontiĝis en Sevilo membroj de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo de la urboj Malago, Kordovo kaj Sevilo mem. La interparoladoj, kiuj celis planigi la agadon de la andaluzia asocio por la kuranta jaro, disvolviĝis en tute natura etoso, ĝuste meze de la belega Parko Maria Luisa. Poste, manĝado utilis por koni samideanojn, eksterland-devenajn, kiuj nuntempe laboras aŭ studas en Sevilo.

* La malaga muzikisto Eduardo Vargas (pli konata ĉe Esperantio kiel Solotronik) lanĉis novan kompaktan diskon sub la nomo Polimorfia Arkiteknia. Ĉi tiu disko baziĝas sur poemoj de la grupo Ibere-Libere (t.e. Neves-Fernandez-Dek-Camacho). La kompakta disko aperis ene de la serio Vinilkosmo Kolekto 2000 kaj danke al la helpo kaj subteno de Fame-Fondaĵo. La E-Redakcio de Pola Radio opinias ke la nova kompakt-disko povas fariĝi furoraĵo kaj ili invitas: "aŭskultu kaj juĝu mem".

Ankaŭ, indas aldoni ke denove Solotronik aperas en la revuo "Future Music" n-ro 27a de la monato majo (pli ol 200.000 ekzempleroj). Ene de ĉi tiu ne-esperantista revuo, kiu pritraktas elektronikan muzikon, aperas artikolo pri nia lingvo, fotografaĵo de Solotronik kaj kanzono en Esperanto en la kompakta disko kiu akompanas la revuon.

Cetere. la hejmpagho de Solotronik [ciudadfutura.com/esperanto] jam prezentas pecojn, pli malpli 70-sekundajn, eltiritajn de lia nova albumo kun la tekstoj de la kanzonoj kaj vortoj de la aŭtoro.

* Ekde la monato junio la radio-elsendejo *Radio Mar* de *Arroyo de la Miel* en la provinco Malago, elsendas E-programon sub la titolo "Esperanto, Patrimonio Universal". La celo de la programo estas ne nur disvastigi la internacian lingvon al la loĝantaro de tiu zono sed ankaŭ havigi E-informojn al eblaj esperantlingvaj turistoj kiuj vizitas la Sunan Marbordon. La programo okazas la unua merkredon de ĉiu monato de la kvara kaj duono, vespere, ĝis la kvina ĉe Radio Mar, sub MF 102.4 Mhzoj.

*Jose Maria Rodriguez*

## Aragono

Pere de cirkulero, Fundación Esperanto kaj la Societo Frateco informis la esperantan komunumon pri la nova oficiala sidejo de ambaŭ organizoj, kiu de la unua de majo estas ĉe la strato Cadena 20-22, 1 izq. ES-50001 Zaragoza.

La sidejon, kiu situas en la centro de la urbo, akiris ambaŭ asocio danke al malavaraj donacoj de kelkaj geesperantistoj.

La cirkulero informas pri Frateco. Jen elĉerpaĵo: Frateco estis oficiale fondita en 1908. Ĝi konservas riĉan primovadan historion, gvidas e-kursojn ĉiujare kaj kelkaj el siaj membroj multe strebas en la kampoj filologia, sociologia, esperantologia, k.a.. La asocio posedas riĉan biblioteko-Hemerotekon el 4.000 e-volumoj. Grava aspiro estas ne nur la konservado kaj rebindado de

malnovaj volumoj sed ankaŭ la aĉeto de novaj.

* Heraldo de Aragón (1999-03-21) aperigis tutan paĝon pri Esperanto. La artikolo pritraktas precipe la kongreson okazintan en Zaragozo en 1967.

## Asturio

De la 11a ĝis la 13a de marto okazis en Gijón la 1a Festo de la lingvoj. La aranĝo, sendube ripetota kaj pliampleksigota, estis grava evento enkadrigita en eŭropa programo kaj celanta potencigi dinamikan praktikadon de lingvoj. La festo, vizitata de 4.046 personoj, celis reliefigi diversajn kulturajn ilojn utilajn por la akiro de fremdaj lingvoj. Temis do pri penado en la procezo de solvado de la lingva problemo en unuiĝanta Eŭropo.




Astura Esperanto-Centro konsideris kaj decidis sian partoprenon sub la devizo “ekzistas kaj bone funkcias efika solvo por alfronti la lingvodiversecon de nia kontinento kaj de la mondo ĝenerale: *Esperanto*”.

Nia foira stando prezentis ampleksan kolekton de e-materialo: revuoj, ĵurnaloj, libroj... Krome ni respondis la konsultojn de la interesitoj, kaj ni distribuis inter la publiko ekzemplerojn de la broŝuro eldonita de HEF, *Pro Esperanto*, kaj de flugfolio ellaborita de nia asocio por la okazo. Pere de tiu flugfolio oni informis pri la taŭgeco de la internacia lingvo Esperanto por roli kiel ponta lingvo inter la popoloj en ĉiuj sferoj de la homa vivo: komerca, scienca, teknika, literatura, turisma...



*La esperanta stando prezentita de Astura Esperanto-Asocio*

AEA taksas tre utila tiun sperton ĉar ĝi estis grava okazo por propagandi pri Esperanto. Cetere nia asocio jam ricevis inviton por denove partopreni la venontan jaron.

*Santiago Mulas y Gallego*
*Prezidanto de AEA*

La Grupo Antaŭen de Avilés metis finon al sia e-kurso per frateca bankedo. La ĵurnaloj *La voz de Avilés* kaj *La nueva España* raportis pri la evento ambaŭ kun pozitiva sinteno.

*Radio Sele* parolas kelkajn minutojn ĉiutage pri Esperanto. Oni eĉ prezentas la



regulojn de la lingvo pere de konata lernolibro.

*M. Luisa Menéndez*

## Eŭskio

* Kiel anoncite, la pasintan 30an de Aprilo estis la ĉiujara Ĝenerala Kunveno en la sidejo de la Grupo de Bilbao. Ĝin partoprenis 14 asocianoj kaj, interalie, estis nomumita la nova estraro, kiu restas jene:

Prezidantino: Igone Manciles Marin

Vicprezidanto: Santiago Martin Relea

Sekretario: David Redondo

Kasisto: Manke de kandidato, J. Miguel Garcia Iturrioz postenos plu ĝis eltrovo de iu alia.

Voĉdonantoj: Carlos Barrio kaj Jose Pérez-Salado Kamps.



*Igone Manciles, Prezidanto de la E-Grupo de Bilbao*

Rimarkinda estas la fakto ke, unuafoje en la historio de Esperanto en Bilbao, virino prezidos nian Grupon; ŝi enkondukos nin en la 21an jarcenton.

* La skaveno pri kulturo de la Urbodomo de Bilbao jese respondis nian peton permesi la starigon de inform-tablo, dimanĉe, ĉe la centra "Nova Placo" ("Plaza Nueva"), kie jam okazis diskutoj kun la enurbaj policistoj pro manko de tiu permeso.

* La nova estraro de la Grupo jam komencis labori kaj, komence, kun la celo paroli (kaj paroligi) Esperanton, lanĉas la proponon ekskursi al montaro kune kun samideanoj el najbaraj provincoj. Kalendaro estas jena:

26 Septembro. Ekiro: 9 h. Teatro Arriaga (Bilbao) aŭ 10 h. Etxaguen (Alava). Al monto *Oketa* (Alava) (1031 m).

17 Oktobro. Ekiro: 9 h. Teatro Arriaga (Bilbao) aŭ 10 h. Urbodomo de Azkoitia (Guipuzcoa). Al monto *Erlo* (1026 m.).

14 Novembro. Ekiro: 9 h. Teatro Arriaga (Bilbao) aŭ 10,30 h. Dobro (Burgos). Al *Peña Alta de Dobro* (1267 m.).

12 Decembro. Ekiro: 9 h. Teatro Arriaga (Bilbao) aŭ 10,30 h. Landeral (Cantabria). Al *Pico de las Nieves*. (779 m.).

La ekskursoj estos tuttagaj kaj ili okazos eĉ en aĉa vetero. Esperantistoj el najbaraj regionoj estos varme akceptataj; unu sola kondiĉo: devige paroli esperante. Kontaktu la Grupon de Bilbao kaj demandu pri David.

*J. Miguel García Iturrioz*

## Kanariaj Insuloj

* ESTO, Esperantista Societo de Tenerifo (1957), atingis sian 42an datrevenon la pasintan 28an de aprilo. Por festi tiun historian tagon, kelkaj membroj interkonsentis kunveni en la sama loko, kie unuafoje okazis la ĝenerala asembleo de ESTO, tio estas en la restoracio "*Casa Domingo*", apud la belega arbaro "*Las Mercedes*", en



*Historia foto*

idilia angulo de la ebenaĵo kie etendiĝas La Laguna. Certe estas tre grava dato por la historio de Esperanto en Kanaria Insularo, kaj, ni planas rendevui tie la venontan jaron. Kompreneble, memorigi ĉi tiujn datrevenojn valoras la penon, oni devas rememori por antaŭeniri.

* Rondeto de membroj de ESTO, ekskursis piede en la impona regiono *Las Cañadas del Teide*, unu el niaj plej vizitataj naciaj parkoj. Dum kelkaj horoj ni trairis belegajn pejzaĝojn, ĝis la monto "*Montaña del Cedro*" (2.265 m. alta), de kie oni povas ĝui eksteordinaran panoramon, sub niaj piedoj, la impresa turmentita kaj bunta teritorio, tranĉita de stonigitaj laforiveroj. Poste, ni daŭrigis la marŝadon ĝis la impona ravino "*Barranco Tágara*" kaj intertempe ni trairis inter centjaraj pinarboj, retamoj (sphaerocarpa), tahinastoj (echium), ktp. Ankaŭ, tiuokaze, la amikeco inter ni plialtiĝis.

*Leandro Trujillo, ESTO Prezidanto*

## Kantabrio

La 30an de majo ACE skize prezentis Esperanton al grupo el 97 homoj dum 10 minutoj. Kelkaj personoj ekinteresiĝis kaj petis aliĝon al la postsomera kurso.

Cetere, finiĝis la du 40-horaj elementaj kursoj per fratecaj vespermanĝoj. Unu el la lerno-grupoj, apartenanta al kantabra entrepreno, montris la deziron aĉeti certan kvanton da libroj por iniciati propran bibliotekon.

*PUL*

## Katalunio

La 23an de aprilo, okaze de la tago "Sankta Georgo", patrono de Katalunujo, KAE (Kultura Asocio Esperantista) prezentis strategie aranĝitan librostandon en la urbo Sabadell (vidu la foton).

Kiel anoncite, la 18an de aprilo okazis "Babilado" pri Afriko ĉe la E-Grupo Aŭroro, kiu ne nur disponigis sian ejon, sed ankaŭ regalis la 36 kunbabilantojn per bufedo kun bongustaj manĝaĵoj kaj refresigaj trinkaĵoj.



*KAE festis la 23an de aprilo*

"Militoj" estis la temo pritraktita de 29 samideanoj en la "Babilado" okzinta la 16an de majo en la sidejo de la Fervojista E-Grupo, stacidomo El Clot.

La 27an de junio la Babilado okazos ĉe la Hispana Esperanto-Muzeo en Sant Pau d' Ordal. Oni klopodos trovi respondon al la demando "Esperantista identeco". Cete-

re, oni festos la trian tagon de la Muzeo kaj inaŭguros tabulon memore al forpasintaj samideanoj. Poste oni ĝuos fratecan tagmanĝon en antaŭdifinita Restoracio. Kiel ĉiam, pliajn informojn peras: Luis Serrano Pérez, Tel: 93-727-50-21.

*Luis Serrano*

## Madrido

* La madrida kinejo Doré, de la Nacia Filmoteko, projekciis la filmon "Frivolinas", kiun ĉefrolis en 1927 la fama humuristo Ramper kaj produktis kaj direktis Arturo Carballo. La filmo, kiu konsistas el eroj de tri famaj hispan-muzik-teatraĵoj (*revista*), estas muta kaj siatempe oni projekciis ĝin nur kun muzika akompano, sed nun oni prezentas ĝin sub akompano de orkestro kaj kantistoj en vestoj de 1927. En la fino de la filmo, kiam sonas pluraj kanzonoj kaj muzikoj el diversaj landoj, aperas sur la ekrano la vorto Esperanto dum orkestro kaj koruso plene ludas La Espero-n.

Fakte, kelkajn semajnojn pli frue oficisto de la Nacia Filmoteko petis kaj ricevis de nia Centra Oficejo la tekston de la himno, necesan por la laboroj de riparado de la tre malnova filmo.

*José F. Platas*

* Vendredon, la 14an de majo 1999, je la 11.25, okazis rekte elsendata intervjuo pri esperanto kaj HEF kun Jorge Camacho por la programo "Quedarse en Madrid" (Resti en Madrido) de Onda IMEFE (FM 107.2).

## Murcio

* La 18an de aprilo okazis en Lorca la 1a Kongreso de HALE (vidu la foton). La programo konsistis el prelego, Ĝenerala



*S-ano J. Antonio Cabezos prelegas*

Kunsido, kaj du ronda-tablaj konferencoj: unu pri strategioj de HALE kaj alia pri la bulteno de la asocio, Kajeroj de la Sudo.

* Ankaŭ en Lorca, la 17an kaj 18an de aprilo, okazis la 10a Kongreso de Valencia Esperanto-Federacio kaj Murcio. S-ano Augusto Casquero estis elektita nova prezidanto de la Valencia E-Federacio.

## Tutlande

En la 52a numero de la revuo *Gaceta de banderas*, oficiala organo de la Hispana Societo de Standardologio (Sociedad Española de Vexilologia) aperas informo de Jose Maria Rodríguez pri la historio kaj signifo de la Esperanto-standardo, apude al la artikolo estas spicita per tutkolora esperantista flago.

*Jose Maria Rodriguez*

* La unua kaj dua demajo 1999 aperis en ABC du mencioj pri Esperanto en intervjuo al Eduardo Mendoza kaj en artikolo de Fernando Arrabal.

*C.O.*

*Ayuda a la Iglesia necesitada* estas neregistara organizo kiu helpas la rekonstruon de preĝejoj en la ekskomunismaj lan-

doj kaj en Azio. Ĝi eldonas siajn cirkulerojn en ses malsimilaj lingvoj. Tial, okaze de donaco al la asocio, ni menciis la konvenecon aldoni Esperanton al la listo de uzataj lingvoj. Tiucele, ni argumentis ke en centra Eŭropo la disvastiĝo de Esperanto estas granda, kaj menciis la laboron de IKUE. Kompreneble, kune kun nia letero iris la koncerna esperanta teksto eventuale aperonta. Lastan majon ili informis nin letere pri sia favora sinteno al nia propono.

*M. R. Urueña*

## Valencio

Jam por la kvara sinsekva jaro, okazis Kurso de Esperanto en la Fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencia (Hispanio). Kaj denove, same kiel en la antaŭaj tri jaroj, ekestis problemo: la nombro de gelernantoj kiuj deziris aliĝi superis la nombron de sidlokoj en la lingva laboratorio kie okazas la kurso. Tamen Ĉi jare, por ebligi pli grandan aliĝon, oni difinis du grupojn. Entute partoprenis kaj ricevis diplomon de la Universitato 93 gestudentoj.

La diplomo havas oficialan akademian valoron je tri kreditoj de "Libera Elekto". Tial ĝi aperas en la universitata karier-tabelo (curriculum) samrajte kun ĉiu alia studobjekto.

Al la kurso aliĝis ne nur gestudentoj de la Fakultato pri Filologio, sed ankaŭ de aliaj fakultatoj, sub la sola kondiĉo ke ili apartenas al la valencia universitato. La profesoroj estis Augusto Casquero, kaj la direktoro



*Gian Carlo Fighiera, Berta Raposo, Jorge Camacho, Augusto Casquero, Eduardo Navarro, kaj lernantino ricevanta la diplomon.*



*Oficiala fermo. Ĉeestis, krom la gestudentoj, diversaj gastoj, entute ĉirkaŭ 150 homoj.*

D-ino Berta Raposo. En la oficiala fermo prelegis kiel honoraj gastoj s-ro Gian Carlo Fighiera (Italio), pri la temo "Praktika uzo de Esperanto", en Esperanto kaj hispana lingvoj, kaj s-ro Jorge Camacho (Hispanio-Belgio), akademiano de Esperanto, pri la temo "Verki en du lingvoj samtempe: hispana kaj Esperanto". La ĉeestantoj vere ĝuis ambaŭ prelegojn, fakte tre interesajn kaj alloge prezentitajn. Fine oni liveris al la kursfinintoj diversan esperantan materialon kaj la respektivajn diplomojn.

*Augusto Casquero*




## Unu milionon da vizitoj

En marto estis registrita la unumilionan viziton al la interreta informejo de Sveda Esperanto Federacio (http://www.esperanto.se). La nombro da vizitantoj kreskis ĝis 90.000 ĉiumonate. Cetere per la servilo *Altavista* oni ricevas pli ol unu milionon da TTT-paĝoj en rilato al esperanto. *[el IR]*

## PEN-mondkongreso

Inter la 15a kaj 20a de junio okazos en Varsovio la 65a mondkongreso de PEN-Klubo Internacia. Esperantaj delegitoj por la plej granda kaj grava forumo de la profesiaj verkistoj estos Ljubomir Trifonchovski, dramaturgo kaj ĉefredaktoro de LF, kaj Tomasz Chmielik, tradukisto el germana, jida, japana kaj pola literaturoj. La 16an de junio la lokaj esperantistoj renkontiĝos kun la esperantaj delegitoj kaj aliaj elstaraj verkistoj. *[Heroldo]*

## Pola Radio

La frekvencoj de la elsendoj je la 13.30 kaj 18.00 laŭ la monda tempo (15.30 kaj 20.00 - laŭ la eŭropa nuna tempo!) estas jenaj:

13.30 (= 15.30 h. en Eŭropo): 41.18 m (=7285 kHz) kaj 41.52 m (= 7225 kHz);

18.00 (= 20.00 h. en Eŭropo): 41.64 m (= 7205 kHz) kaj 49.22 m (= 6095 kHz)

Per satelito je la 6.00 kaj 8.30 (laŭ la monda tempo) = 8.00 kaj 10.30 h. (laŭ la somera nuna tempo eŭropa). Eutelsat II F-6 Hot Bird-satelito 13 gradoj de la orienta latitudo, frekvenco 11.474 GHz, polarizado horizontala H. sonportanto 7.38 MHz.

La adreso de nia ret-radio, kiu ebligas rapidan atingon de niaj E-elsendoj estas jena: http://www.wrn.org/ondemand/poland.html

*Andreo Pettyn*

## 20a Studsesio

En la pola urbo Bydgoszcz (Pollando), okazis de la 1a ĝis la 9a de majo 1999 la 20a Sanmarineca Universitata Studsesio, organizita de internacia asocio "Monda Turismo", Akademio Internacia de la Sciencoj de San Marino, "Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo", ktp., uzante kiel laborlingvon Esperanton, kun granda sukceso rilate al aranĝoj kaj al partoprenantoj, kun ĉeesto de pli ol 150 gestudentoj kaj geprofesoroj el 15 landoj.

La prelegojn kaj klerigajn prezentadojn faris fakuloj el diversaj landoj: Kurso pri logiko; Klerigkibernetikaj kontribuoj por la planado kaj realigado de kursaro pri eŭrologio; Transnacieco en la scienco; Socio kaj personeco; Enkonduko en la eŭrologion; Lingvo-orientiga instruado; Arta fotado; Kiel uzi interreton; Esperanto-kulturo en kantoj; Interkultura komunikado; Arta keramiko; Andragogio kiel scienco; Unua helpo en turismo; Ultrarapidaj fotokemiaj reagoj kaj potencial-surfaco; Lingvo-orientiga instruado;Manĝado: herboj en internacia turismo; La teoriaj bazoj de la

sukceso kaj feliĉo surbaze de analogioj al fizikaj nocioj; Tekniko de laboro de internacia vojaĝgvidanto; Emociaj problemoj de infanoj troviĝantaj en militareoj; Kulturo kaj lingvoj de diversaj landoj (Ruslando, Slovakio, Hispanio, Benelukso, Hungario, Latvio, Pollando, Bulgario, Kroatio, Aŭtralio, Litovio), kun prelegoj, apogataj de aŭdvidaj helpiloj, ĉiuj fare de konataj esperantistoj de la respektivaj landoj.

Inter la prelegantoj ni povas mencii Helmar Frank (Germanio), Carlo Minnaja (Italio), Alicja Lewanderska (Pollando), Ilona Koutny (Hungario), Milan Zvara (Slovakio), Andrzej Grzebowski (Pollando), Marcel Delforge (Belgio), Augusto Casquero (Hispanio), Mara Timermame (Latvio), Teresa Nemere (Pollando), Regina Grzebowska (Pollando), Zelimir Pehar (Kroatio-Aŭstralio), Günter Lobin (Germanio), Margit Ewa (Hungario), Bojidar Leonov (Bulgario), Adriana Witucka (Pollando), Ewa Bondar (Pollando), Z. Blazejczyk (Pollando), Jadwiga Gibczynska (Pollando), Hans- Dietrich Quednau (Germanio), J. Lechowski (Pollando), Vera Zakubskaja (Rusio), Helmut Angstl (Germanio), Vera Barandoska (Ĉeĥio), Zbigniew Galor (Pollando), Remigiusz Mielcarek (Pollando-Kanado), Adam Sudol (Pollando), Edward Miszurov (Ruslando),

Maria Dombrowicz (Pollando), Przemyslaw Grzybowski (Pollando), Jerzy Handzlik (Pollando), Andrzej Rygielski (Pollando), Anton Zacharias (Slovakio) ktp.

Krom la kleriga programo okazis ĉiutage artaj kaj distraj programeroj, kun prezentado de elstaraj folkloraj ensembloj, kiel la ensemblo *Strzecha* el Trzemeszno, la ensemblo *Blawatki* el Chojnice, kaj *Sa-*



# Emas korespondi

* Mia nomo estas Germán Eduardo Becerra kaj mi estas nova esperantisto, mi deziras interkorespondi kun gesamideanoj tra la mondo por perfektiĝi en esperanto kaj intreŝanĝi poŝkartojn, revuojn, kaj aliajn materialojn en la ligvo. Mia adreso: A. A 255 Ibagué-Tolima; Colombia.

* Venonta E-kurso komenciĝos post la somero en Montpellier (Francio) kun geknaboj 8-11jaraj. Ni ŝatus korespondi kun samaĝa grupo. La gvidanto skribi al: Thierry Saladin; Reinsertion et Esperanto; Rés. La Vigne de la Vierge, Batiment 6; 147 Ave Paul Bringuier; FR-34080 Montpellier; Francio.

# Gratulon!

La prezidanto de la Akademio de Esperanto, s-ro Geraldo Mattos, sendis gratulmesaĝon al Fundación Esperanto kaj al la societo Frateco de Zaragoza okaze de la kunaĉetado de propra sidejo farita de ambaŭ organizoj.

Ankaŭ sendis gratulojn Laszlo Szilvasi, redaktoro de Eventoj kaj de la novaĵagentejo Interredaktore, Spomenka Ŝtimec en la nomo de Kroata Esperanto-Ligo, kaj unuopaj esperantistoj el diversaj landoj kiel Zsuzsanna Ágnes Berényi el Hungario.

Koran dankon al ĉiuj!

*dkowianie* el Sadki; kantistoj, teatr-artistoj, kaj turismaj vizitoj, kiel ekzemple al la "Apudvistula Pejzaĝa Parko". Kortuŝa omaĝo okazis memore al la forpasinta profesoro Tyburcjusz Tyblewski.

Okazis ankaŭ Estrarkunsido de Monda Turismo, Senatkunsido de A.I.S., doktorigaj/habilitigaj ekzamenoj, magistrigaj ekzamenoj, kunsido de la Scienca Konsilio de I.S.T.K.

*Augusto Casquero*

## Cito pri Esperanto

En la ĵus aperinta libro itallingva "Quale futuro: umano o disumano?", de Enzo Guernieri, eldonejo Greco Editori, troviĝas deko da paĝoj pri Esperanto, prezentata kiel racia solvo de la monda lingvoproblemo. La tuta verko, ampleksanta kelkcent paĝojn, estas prezento, laŭ filozofia kaj sociologia vidpunktoj, de la ĉefaj problemoj de la nuna socio, inter kiuj la lingva estas prezentata kiel la unua.

*Carlo Minnaja (el IR)*

## Por la Mondo

Kune kun la 9a Rok-gazet' aperas la 5a nova k-disko de Kolekto 2000 kiu tiel, atingas la duonon de la kolekto kaj prezentas ekstereŭropan artiston. La kolekto daŭre progresas kaj post la du unuaj francaj artistoj, JoMo/Liberecanoj kaj Jacques Yvart, post la sveda Persone kaj la hispana Solotronik, jen la brazila Merlin, ensemblo konsistanta el jenaj profesiaj muzikistoj: Markone Froes, voĉo kaj akustika gitaro, Aldrin Gandra: elektra gitaro, Sérgio Ribeiro: basgitaro, Sérgio Vieira: klavaro, Guilherme de Souza Lima: drumo, Emmanuel de Souza Lima: manaĝisto. La muzikstilo memoriogas la brazilan pop-rokon de la 80aj jaroj. La tuta bando kreas sian espo-repertuaron. Por la Mondo, titolo de la albumo, entenas 9 diversstilajn kantojn de pop-rokaj ĝis sambecaj.

Ĉiu k-disko de Kolekto 2000 kostas 79 FRF (12,05 Eŭroj) + 20 FRF (3,05 Eŭroj) por sendokostoj. La tutan kompletan Kolekto (10 Kodiskoj) kostas: 600 FRF (91,50 Eŭroj) + 200 FRF (30,50 Eŭroj) por la sendokostoj.

Aperontaj estas la Kodiskoj de La Porkoj (Roko el Argentino) kaj Kajto (la plej famkonata folkespobando).

Vinilkosmo; FR-31450 Donneville, Francio

## TEJO

Tutmonda Esperantista Junulara Organizo okazigos seminarion en la Eŭropa Junulara Centro en Strasburgo (Francio), de la 24a de oktobro posttagmeze ĝis la 31a matene, kunlabore kun la Eŭropa Junulara Centro de la Konsilio de Eŭropo. Temo: "Internaciismo kaj naciismo — ĉu konfliktaj aŭ kompletigaj ideoj?

La kotizo estas nur 280 FRF (francaj frankoj). La kotizo estos subtrahita de la repago de la vojaĝkostoj. La Eŭropa Junulara Centro repagas vojaĝkostojn komplete, kaj provizas la loĝigon kaj manĝojn al la partoprenantoj.

Venu sperti, pensi kaj aktivi! Limdato por aliĝo: 10a de septembro. Informas: Grigorij L. Arosjev: 117071 a/ja 31, Moskva, Rossija (Rusio) tel: +7-095-4761472; rete: arosjev@fnmail.com *[el IR]*

# Libroservo de HEF

Okaze de *Expolingua*, en kiu HEF partoprenis por la unua fojo. *Libroservo* eldonis novan *Katalogon* kiu estis disdonata inter interesitoj kiuj vizitis la standon. Ĉiu mendinto de libroj ricevas ĝin, senpage, interne de la pakaĵo sendita kun la menditaj varoj. Ceteraj personoj kiuj deziras ricevi ĝin bv. mendi ĉe jena adreso:



**Libroservo de HEF**
**Apartado 119**
**47080 Valladolid**

Atentu aldoni poŝtmarkojn en valoro de 50 ptoj. *Libroservo* devis preni ĉi tiun decidon por kompensi la plialtigon de la sendokostoj fare de la nacia poŝto.



# Pasporta Servo

Jen sendube la plej alloga servo por la junularo. Tion ni rimarkis okaze de *Expolingua*. Fakte la lingvo estas grava nur se oni povas tiri profiton el ĝi, kaj, por la gejunuloj, vojaĝi estas vivi!

La lasta eldono de la adresaro de Pasporta Servo enhavis 945 gastigantojn en 76 landoj. Sed atenutu ĉar la servo celas ne nur junulojn sed ankaŭ pliaĝulojn. Ĉiuj do povas ĝui ĝin. Cetere, se vi volas fariĝi gastiganto bv. kontakti HEF-on, kaj se vi volas uzi la servon mendu la adresaron ĉe Libroservo de HEF.

## Senpaga E-kurso per komputilo

Ĵus estis lanĉinta kurso de Esperanto en la hispana tradukita el la brazila kurso de Ing. Adonis Saliba. Oni povas preni ĝin senpage ĉe la interreta paĝo: http://pagina.de/curso.esperanto.

Bonvolu diskonigi ĉi informon ĉefe inter ne esperantistoj: lokaj gazetoj, revuoj, radioj, televizioj, ktp.

La E-Kluboj povos organizi metodajn kampanjojn de disdonado de diskedoj entenantaj kun la Kurso. Ja la diskedoj malmulte kostas. Per tiu kampanjo ni celas ke la kurso atingu almenaŭ 2% de la loĝantaro de ĉiu Lando, de ĉiu Ŝtato, de ĉiu Provinco, de ĉiu urbo. Por fari tion nepras ke oni rigore nombre kontrolu la diskedojn disdonitaj aŭ venditaj.

La Kurso estas tradukanta nun en la francan kaj anglan lingvojn.

*Marcos Pimenta Alcyr*




La 13an de majo kunsidis en la oficejo de HEF en Madrido, S-ro Carlos González, entreprenisto, S-ino Carmen Díez, profesorino pri Dokumentado kaj Biblioteko-ekonomiko de la Universitato Carlos III de Madrido, kaj la samideanoj Jorge Camacho kaj Manuel Pancorbo.

La celo de la kunveno estis projekto kiun S-ro González, apoge de la Universitato Carlos III, pere de S-ino Díez, deziras prezenti al la konsidero de la Interministreja Komisiono pri Scienco kaj Teknologio, CICYT (Comisión Interministerial de Ciencia Y Tecnología), rilate al la komunikado inter homo kaj maŝino.

S-ro González pensas ke la moderna vivo pelas homojn interagadi, pli kaj pli, kun maŝinoj: ne nur komputiloj sed ankaŭ persatelitaj televidiloj, videoregistriloj, vestlaviloj, ktp. Tial do, konsiderante ke ĝenerale la homoj plej emas uzi la lingvon por ajna komunikado, kaj ke tamen maŝinoj kaj komputiloj nunstate ne kapablas kompreni homan paroladon, li pristudas la eblon inventi ian internacian parolan lingvon por interkomunikiĝi kun maŝinoj ("internacia" laŭ la senco esti komunaj por ĉiuj homoj, sendepende de ties denaskaj lingvoj kaj komunaj al ĉia elektronikaĵo). Kompreneble li konsideros plej oftajn fonemojn komunajn al ĉiuj lingvoj, rilatojn inter sono kaj senco, distingon de fonemoj per la komputiloj, frekvencan analizon, ktp.

Tiu lingvo estos provizore tre simpla, tamen la projektanto konsideras la eblon ke ĝi iĝu tiel komplika kiel homo-homaj lingvoj, per la kunlaboro de multaj personoj tra interreto. Li menciis la kazon de la komputila mastruma sistemo Linukso el ties eta kerno, lasite en interreto, la interesatoj faris

(kaj faras) tre komplikan sistemon.

S-ro González agnoskas ke lia projekto statas nur kiel antaŭprojekto, kaj li deziras konsulti kiom eble plej multe da "fakuloj" por ke ili kritiku kaj recenzu liajn ideojn, antaŭ ol fari la peton al la CICYT. Tiurilate li lasis dokumenton en la Centra Oficejo de HEF por ke ni, esperantistoj, kiel "fakuloj" (?) pri lingvoj internaciaj, legu ĝin kaj provizore kritiku, aldonu komentariojn ktp.

*Manuel Pancorbo*

# ATENTU!

**S-ano Augusto Casquero proponas litojn en hotelo de Berlin dum la UK. Tie loĝos la vojaĝantoj de la bus-karavano organizita de la valenciaj esperantistoj, kiuj fakte ne okupos ĉiujn ĉambrojn.**

**Tial do se vi pensas vojaĝi memstare al Berlino vi povas mendi lokon en du- aŭ trilita ĉambro de komforta hotelo, ĉe la centro de Berlino, kun bufeda matenmanĝo: persono/nokto: 4.500 pesetojn (sep noktoj: 31.500 pesetojn) Restas nur 10 liberaj litoj!**

**Kontaktu s-ron Augusto Casquero. Tel: 96-340-13-69 (inter la 21a kaj 22a horoj).**

# HEF? Pli bone, dankon!




Post kvarjara vivado en Bruselo mi revenas al Hispanujo kaj, ĉu la unua agrabla surprizo?, jen “Boletín” (januaro-februaro 1999) kun renovigita aspekto, kun nova kovrilo. Kvankam eble konvenus uzi iom pli da koloroj en estontaj numeroj (blanko facile griziĝas), evidentas la plibonigo kompare kun la antaŭaj (kaj ni ne parolu pri pli malnovaj serioj!). Sendepende de la enhavo, ankaŭ la interno grade pliboniĝas danke al la grafika eksperimentemo de la ĉefredaktanto, kaj mi esperas, ke iam li sukcesos establi karakterizan pejzaĝon tra la paĝoj de “Boletín”.



Sed jen la tubero en la afero. Mi jam aŭdis plurfoje, ke ne eblas ŝanĝi la nomon de la revuo de HEF pro tio, ke ĝi estas oficiale registrita, aŭ Schleyer-scias-kial. Ĉu vere? Nekredeble! Certe oni devas povi fari ion. Ĉar absurdas, ke la sola regula eldonaĵo de HEF havas tiel neniodiran, mismodestan kaj ridindan nomon en la hispana: “boletín”. Eĉ “maletín” aŭ “calcetín” sonas pli bele. Ĉu nenie troveblas vortoj pli allogaj? Kaj, cetere, kial nomo en la hispana por revuo centprocente esperantlingva? Similas al tiuj usonaj filmoj, kiujn oni dublas en la hispanan plene, escepte de la titolo (kiel “Seven” t.e. “Siete” t.e. “Sep”) probable pro snobeco. Plej taŭga maniero veni al oportuna nomo estus, evidente, organizi konkurson sur la paĝoj de la revuo.

Kio memorigas min pri la “Katalogo de libroj — Printempo 1999". Nepras danki la Libroservon de HEF, kiu de multaj jaroj, en heroaj kondiĉoj, tenas la vendadon de libroj por HEF kaj ankaŭ la eldonadon de modesta katalogo. Tamen, same en la "Notoj/Notas" kiel en la “Enkonduko/Prólogo” speciale verkita por la lingvofoiro Expolingua troveblas malglataĵoj ortografiaj, lingvaj kaj, ne malpli grave, stilaj kaj enhavaj, ne nur en la teksto esperanta, sed ankaŭ en tiu hispanlingva. Oni pardonu min, sed tiajn tekstojn oni antaŭe devas revizi(ig)i, male ili prezentas pri ni bildon kiel fuŝuloj.

La menciita “Prólogo” parolas pri la “movimiento esperantista español”. Nu, eĉ en esperanto nuntempe oni emas malpli uzi la vortojn “movado” kaj “esperantisto”. Tiurilate mi rekomendas al ĉiuj grupoj aĉeti kaj al unuopuloj tralegi la interesegan verkon de M. Ziko Sikosek “Esperanto sen mitoj”, eldonitan de FEL. En la hispana, la vorto “esperantista” pensigas pri sekto aŭ similaĵo (cetere, ne ĉiu parolanto de la hispana estas “hispanista”!), kaj “movimiento”, nu, pri la fifama Movado de generalisimo Franco. Aliaj vortoj preskaŭ ĉiukuntekste evitindaj estas “propaganda”, “artificial”, “universal” ktp, ĉar iliaj kromsignifoj en la hispana ofte kondukas al (subkons-

cie?) negativa reago flanke de la aŭskultanto. Sikosek jam verkis tutan volumon pri la afero, kaj mi volonte vidus suplementan kajeron por nia uzo en Hispanujo.

(Parenteze: en 15-minuta rekte elsendita intervjuo por radio COPE je 20.04.1999, mi devis alfronti la sekvan demandon de ĵurnalistino, kiu havis enmane triptikan faldfolion flavan: "He leído en vuestra documentación que el esperanto es muy fácil. Por ejemplo, acabo de leer en lo relativo a afijos cómo se dice "cárcel de mujeres". ¿Puedes explicarlo?". Kaj jen mi kaptita. Mi tuj eldiris "malliberulinejo", ĉar mi konis la vorton kaj eĉ verkis iam humuran rakonteton surbaze de ĝi, sed trovis min nekapabla klarigi la pretendatan facilecon de tia volapukeca vortkunmeto. Ĉar facila ĝi tute ne estas! Fakte tiu kaj tiaj vortoj NE ekzistas en normala esperanto, parola aŭ beletra; ilin elpensas mensoj drivantaj for de la realo de nia lingvo. Jen do miaj demandoj: Kiu enmetis tiel fuŝan ekzemplon en faldfolion? Kaj kiu sendis tiun ĉi al la radi-elsendejo?).

Ni ne povas forgesi la eksteran aspekton aŭ bildon aŭ prezentiĝon de HEF antaŭ la socio. Necesas plibonigi ĝin ĝis profesia nivelo, kaj lastatempe multo fariĝis tiurilate: la nova triptika faldfolio, la novaj TTT-paĝoj... Mi faros komparon kun politikaj partioj (ankaŭ bankoj kaj entreprenoj agas kompareble). Same kiel siatempe PSOE revoluciis la balotkampanjojn per naivismstilaj afiŝoj kaj per la nun jam emerita pugno kun rozo; aŭ kiel PCE provis transformi sin al IU ajn alia; aŭ kiel la iama AP rebaptiĝis al PP kaj poste modifis la flugcelon de la mevsimbolo kaj la kombon de la nuna ĉefministro Aznar; nu, tiel same HEF devas impresi kiel asocio nuntempa, aktiva kaj atentinda. Aŭ ĉu oni preferas la modelojn de Partido Humanista, de Grupo Independiente Liberal aŭ de la ekspartieto de José María Ruiz Mateos?

Mia sola deziro estas, kiel anoncas la titolo, ke HEF vivu kaj aktivu pli bone, diable! Kaj ĝuste pro tio mi devas mencii lastan aferon antaŭ ol fini. Temas pri iniciatoj kiel la premio Klara Silbernik. Mi plene respektas sinjorinon Ángeles Martínez kaj ĉiujn aliajn sinjorinojn antaŭe ricevintajn la premion. Kaj mi ĝojas, ke ankaŭ ŝi lernis esperanton. Sed en la Hispanujo de 1999 absurdas kaj hontindas premii virinon pro tio, ke "ŝi ĉiam estis flanke de sia edzo, kiun ŝi plene apogis". Nun, kiam politikaj partioj celas (iom hipokrite) al egala reprezentiĝo de viroj kaj virinoj en la gvid-organoj! Ĉar, kiam oni premias silentan kaj anoniman edzinon pro la meritoj de la parolanta kaj konata edzo, oni fakte aljuĝas bopremion! Pozitive, multe pli pozitive estus aljuĝi premion al la plej aktiva virino en Hispanujo el la vidpunkto de esperanto, kaj pro ŝiaj propraj meritoj, des pli se konsideri, ke en la ĉi-landa provinco de Esperantujo iel ial proporcie malabundas virinoj.

Jorge Camacho (Madrido)

**Aperis** la 48-paĝa esperantujologia studo de Jorge Camacho "La liturgio de l' foiro", eldonite de Progresema Esperanto-Forumo (Antverpeno). Laŭ la aŭtoro la temo estas tio, kion Kooperativo de Literatura Foiro nomas "raŭmismo", kaj kiun li opinias la esperantuja ekvivalento de la politika koncepto "faŝismo".

# Pri la nomo "Boletín"

La nomo "Boletín", unuafoje aperinta la unuan de januaro 1949 en Valencio, ne estis frukto el serĉado aŭ studo inter aro el plej allogaj aŭ logikaj nomoj fare de la tiamaj valenciaj HEF-gvidantoj, sed ĝi fontis el la malfacilaj politikaj cirkonstancoj kiujn oni travivis tiutempe, kiam en Hispanio regis radikalisma naciisma etoso, tiagrade agresema, ke eĉ rilate al plej simplaj kaj bagatelaj temoj kiaj ekzemple la nomoj de kinejoj, kafejoj aŭ butikoj, oni ne toleris ke la koncerna vorto devenu el eksterlanda lingvo.

Imagu se oni estus petinta al la tiama Ministrejo pri Enlandaj Aferoj permeson por publikigo de bulteno kun kultura aŭ idealisma titolo. Esperanto estis fakte ne permesata. Spite al tio ke unu jaron antaŭe oni ricevis permeson por funkciigo de HEF (danke al la influo de katolikaj esperantistoj tiuepoke sufiĉe influhavaj), tiam kaj eĉ plurajn jarojn poste, la provincestro de Alicante tute ne permesis la oficialigon de esperanto-asocio.

Anekdote mi rakontu ke en tiu jaro mi gvidis mian unuan e-kurson en Zaragoza (sola hispana urbo kie oficiale ankoraŭ restis viva kvankam ne vigla e-societo). Nu, pli malpli post unu monato de la kursokomenco, kelkaj junaj kursanoj ricevis viziton de la polico je la dua-tria horo en la nokto, nur por ilin demandi: "*kial vi lernas lingvon de rusoj kaj komunistoj?*", aŭ ion similan. En tiu tempo de teroro la polica vizito signis kompreneble la ĉesigon de la kurso. Neniu lernanto plu ĉeestis, kaj mi mem estis invitita viziti la policejon. Nur la interveno de mia uzino-direktoro metis finon al la policaj atakoj.

Jen la politika etoso en kiu naskiĝis "Boletín". La valenciaj HEF-gvidantoj petis *sensignifan* permeson por aperigo de "*un boletín de la ya aprobada Federación Española de Esperanto*". Post la koncerna oficialigo naskiĝis *Boletín* de HEF. Ne povis okazi alimaniere.

Cetere, mi kaj multaj aliaj veteranoj, tute ne ŝatus eventualan titolŝanĝon. Tio estus ignorado de nia propra historio, kaj jam sufiĉe multe da eraroj okazis en nia landa movado pro ne kono de nia primovada historio: ekz. la organizado de unua, dua kaj eĉ tria Andaluzia E-Kongreso, ripetitaj, kaj multaj aliaj hotigaj fuŝoj.

Eble kelkaj el niaj junuloj rigardos ĉi priskribojn fabelaj rakontoj por sendormigo, sed tiu estas la vera historio!

*Antonio Marco*

## Noto

**S-ano Manuel Casanoves informas nin pri "politika" eraro en la 17a paĝo de Boletín 340. Fakte s-rino Concepció Ferrer apartenas al la historia partio UDC (Unió Democràtica de Catalunya). Tiu partio kune kun CDC konsistigas la pli konatan aliancon CIU (Convergència i Unió). Tamen ambaŭ partioj situas en malsama politika grupo en la Eŭropa Parlamento.**



# Lingva angulo

## LINGVA ANGULO 8

de Antonio Valén

## KIO ESTAS AGLUTINA LINGVO?

Ĉie kaj ĉiam ni legadas, ke esperanto estas perfekta modelo de aglutina lingvo. Sed kion do signifas "aglutina"? La respondo principe simplas: ĝi estas unu el la tri morfologiaj lingvo-tipoj. Ĉar ni parolas pri morfologio, t. e. pri la formo de la vortoj, pri la finaĵoj, pri la afiksoj - jen ŝajne ekstersezona rimarko, kiun vi tamen baldaŭ komprenos: **la eksterordinare facila lernebleco de esperanto ne fontas el ties eŭrop-devena vorto-stoko, sed el ties morfologia kaj sintaksa strukturo**. Esperanto naskiĝis el bela mikso de du el la tri morfologiaj lingvo-tipoj, ĉar nur tiel ĝi akiris liberan vort-ordon. Jen la tri tradiciaj tipoj (Wells, 1989: 27):

En lingvo **izola**, vortoj estas kvazaŭ blokoj nedivideblaj en morfemojn, nome, en radikojn, afiksojn kaj finaĵojn. Kvazaŭ ni dirus hispane **Niñ com manzan*; **(La) com est muy sabros*. Rimarku, ke la sama "vorto" **com* jen rolas verbe (= *come*), jen substantive (= *comida*), depende nur de ties loko en la frazo. Izolaj lingvoj estas la ĉina, la vjetnama kaj la birma.

En lingvo **aglutina** okazas ĝuste male: vortoj havas travideblan strukturon, ĉar ili konsistas el segmenteblaj elementoj (t. e. morfemoj) kun propra kaj fiksa signifo. Ĉiu morfemo povas senfine kuniĝi kaj disiĝi kun aliaj morfemoj ene de la vortoj. Kvazaŭ ni dirus en la hispana **buen'idad* (*bondad*), **sol'idad* (*soledad*), **solid'idad* (*solidez*), **ciert'idad* (*certeza*), **bland'idad* (*blandura*), **simpl'idad* (*simpleza, simplicidad*), **viud'idad* (*viudez, viudedad*) ktp. Ekzemple: la eŭska, svahila, hungara, finna, turka, korea kaj japana.

En lingvo **fanda (= fleksia)** la vortoj konsistas ankaŭ el morfemoj, sed sendependaj kaj ofte kunfanditaj, t. e. nesegmenteblaj je precizaj unuoj. Ni vidas, ke *dorm + id + o = dormido*, dum *escrib + id + o* # **escribido*, sed = *escrito*: ne eblas apartigi *escrib-* disde *-id-*. Ekzemple: la hispana, latina, helena, angla, germana kaj rusa.

Endas rimarkigi, ke la tri morfologiaj lingvo-tipoj ne estas reciproke ekskluzivaj. Izolado, aglutinado kaj fandado estas tendencoj ne absolutaj, sed gradaj. La hispana estas esence fanda lingvo, sed renkonteblas trajtoj izolaj (*hacia, según, despacio, apenas*) kaj aglutinaj (*dí'me'lo*).

Esperanto estas aglutina, ĉar ĉiam evidentiĝas la gramatika rolo de la vortoj, same kiel ties diversaj elementoj aŭ morfemoj. Ĝi tamen ne posedas aliajn trajtojn de la aglutinaj lingvoj, nome la mankon de relativaj pronomoj, la uzadon de postpozicioj aŭ la dependecon de la afiksoj, kiuj krome suferas alomorfigon (Pennacchietti, 1978: 6). En la aglutinaj lingvoj ekzistas alomorfoj, t. e. la sama morfemo povas

alpreni diversajn formojn. Ekzemple, la morfemo *-in* de la turka lingvo montras genitivon, sed ĝi povas aperi sub diversaj formoj (*-in*, *-nin*, *-ün*, *-nün*, *-un*, *-nun*, ktp) pro la t. n. *vokal-harmonio*. En esperanto ne estas alomorfoj (Wells, 1989: 31).

Ĉi lasta trajto (afiksoj alomorfaj kaj vorto-dependaj en la aglutinaj lingvoj) videbliĝas tre klare en la sekva komparo (Piron, 1977: 7), kiu evidentigas la diferencojn inter la tri mofologiaj lingvo-tipoj:

hispana (fanda/fleksia): *simpl'e — simplic'idad*
hungara (aglutina): *egyszerü — egyszerü'ség*
ĉina (izola): *jiandan — jiandan'xing*
(esperanta: *simpl'a — simpl'ec'o*)
hispana: *just'o — just'icia*
hungara: *igazságos — igazságos'ság*
ĉina: *zhengyi — zhengyi'xing*
(esperanta: *just'a — just'ec'o*)

1) Lingvo **fanda/fleksia**: variado okazas ĉiunivele.
— La radiko *simpl-* iĝas *simplic-* en la derivita vorto.
— Oni uzas la sufikson *-idad* en unu kazo (*simplicidad*), sed *-icia* en la alia (*justicia*).
2) Lingvo **aglutina**: nur la afiksoj varias.
— La radikaloj *egyszerü* kaj *igazságos* ne ŝanĝiĝas.
— La sufikso estas la sama, sed ĝi prezentiĝas sub du formoj (alomorfoj): *-ség* kaj *-ság*. Cetere, la sufiksoj estas vorto-dependaj kaj ĉiam aperas ligitaj al radikalo.
3) Lingvo **izola**: neniu variado okazas.
— La radikaloj *jiandan* kaj *zhengyi* ne ŝanĝiĝas.
— La ŝajna sufikso *-xing* estas uzata ambaŭkaze kaj senŝanĝe. Fakte *xing* estas plene sendependa vorto. La rezulto *jiandanxing* ne konsistas el *vorto* + *afikso*, sed el *vorto* + *vorto*.

Esperanto strukture funkcias kiel la ĉina, ĉar la afiksoj (prefiksoj kaj sufiksoj) ne varias kaj rolas fakte kiel plenaj vortoj. Laŭ Piron (1977: 20-22), ĉi trajto i. a. konfirmas, ke esperanto estas esence lingvo **izola**: tial la vort-kunmetado baze samas en esperanto kaj en la ĉina.

Tamen, inter esperanto kaj la izolaj lingvoj ekzistas ankaŭ fundamenta malsamo: en la **izolaj** lingvoj la indiko de la gramatika funkcio neniam estas deviga, en esperanto -kaj en la **aglutinaj** lingvoj-ĉiam.

La unika strukturo de esperanto naskiĝas el la kombino de du principoj: sendependeco kaj nevariado de la vort-elementoj (ĉefa trajto de la *izolaj* lingvoj), kaj senpera analizo de la gramatikaj funkcioj (tipa trajto de la *aglutinaj* lingvoj). Ŝajnas kvazaŭ esperanto heredus nur la bonon el ambaŭ lingvo-tipoj:

La **sendependeco** de la vort-elementoj sekvigas, ke ĉiu el ili uzeblas memstare. Kp. esperante: ***frat'ec'o*** = *hermandad*, ĉar ***frat(-o)*** = *hermano*, ***ec(-o)*** = *cualidad* kaj ***(-)o*** = *cosa; lo que es; lo que existe*; hispane: *hermandad*, en kiu *herman(-o)* estas leksika unuo, sed *(-)dad* estas neekzistanta vorto.

La **nevariado** de la vort-elementoj signifas, ke ĉiu nova radiko havas nur unu formon. Kp. esperante: ***pluv'i, pluv'o, pluv'as***; hispane: ***llov'er, lluv'ia, lluev'e***.

La **senpera analizo** de la gramatikaj funkcioj implicas, ke oni rekonas la gramatikan rolon de ĉiu vorto tuj post ties prononcado. Ree oportunas la ekzemplo ***pluv'i*** = *llover*, ĉar ***(-)i*** = "infinitivo";

*pluv'o* = *lluvia*, ĉar *(-)o* = "substantivo"; *pluv'as* = *llueve*, ĉar *(-)as* = "prezenco".

Jen do la tri trajtoj de esperanto, kiuj permesas la parolanton laŭplaĉe kunigi kaj disigi la lingvo-elementojn por "fabriki" novajn vortojn tute senĝene kaj nature. Jen kial esperanto pli flekseblas ol ĉiuj ceteraj lingvoj.


Bibliografio:

F. A. Pennacchietti, "La internacieco de Esperanto kaj la karaktero de la hind-eŭropaj elementoj en ĝi", en: *Horizonto*, Zaragozo, 1978, p. 5-9.

C. Piron, *Esperanto: ĉu eŭropa aŭ azia lingvo?*, Roterdamo, Universala Esperanto-Asocio, 1977.

A. Valén, *El esperanto: lengua y cultura*, presota.




## Esperantisto kaj Prezidanto

La 14an de majo, la esperantlingva verkisto Manuel de Seabra estis elektita prezidanto por kvarjara mandato de la Profesia Asocio de Verkistoj de Katalunio (ACEC). Ĉi asocio, el pli ol 300 membroj, celas precipe la defendon de la profesiaj rajtoj de ĉiuj verkistoj, kiuj loĝas en Katalunio, sendepende de la uzata lingvo. Fakte, krom katalunlingvaj kaj hispanlingvaj aŭtoroj, en ACEC membras ankaŭ polaj kaj ĉinaj verkistoj.

Liaj verkoj "La armeoj de Paluzie" kaj "Sekreto en obskuro" estis eldonitaj de de Internacia Esperanto Muzeo en Vieno. *(Heroldo)*








## Pedro Salinas

**(1892 - 1951)**
**Madrid - Bostono**
**Trd: Miguel Fernández**

Vivas vi en viaj faroj.
Fingro-pinte vi elplukas
el la mondo, krom aŭroroj,
venkoj kaj koloroj, ĝojojn:
jen via muzik'. La vivo
estas l' o de vi tuŝata.

Nur el via okul-paro
fluas la lumo gvidanta
vin. Vi travojas
kion vi vidas. Solsole.

Kaj, se dubo al vi signas
dek mil kilometrojn for,
vi lasas ĉion, impetas
sur flugilojn kaj sur pruojn.
Jen vi tie tuj. La dubon
vi kise, dente disŝiras.
Dubon ne eltenas vi.

Ĉar vi jam ĉiujn misterojn
transturnis. Viaj enigmoj,
l' o ĉiam al vi obskura,
ĝuste tio pleje klaras:
la tik-tak' viahorloĝa,
la sablo por via kuŝ'
kaj la roze milda korpo,
kiun spegule vi trovas
ĉiutage ĉe vekiĝ':
via korpo. Mirindaĵoj
tute deĉifritaj jam.

Kaj neniam vi eraris,
krom unu fojon, la nokton,
kiam vin allogis ombro
—la sola, kiun vi ŝatis—.
Ia ombro tio ŝajnis.
Kaj vi volis ĝin brakumi.
Estis mi.

El "La voĉ' al vi ŝuldata"
(*La voz a ti debida*)



# 58a Hispana Esperanto-Kongreso

## 9a Eŭropa Esperanto-Forumo

De la 17a ĝis la 21a

julio de 1999

PROVIZORA PROGRAMO

### Sabato, 17a de julio

10.00 ĝis 13.00, kaj 15.00 ĝis 19.00. Disdonado de la kongresa dokumentaro.
11.00 Malfermo de "Libroservo"
11.00 Malfermo de "Filatela eksposicio"
11.30 Estrar-kunsido de HEF
12.30 Gazetara konferenco
14.00 Manĝo-paŭzo
16.00 Cseh-kurso
16.00 Kunveno de "Monda Turismo"
17.00 Europa Esperanto-Forumo. 1a Prelego
18.30 Interkona Vespero
21.00 Internacia Arta Vespero 1

### Dimanĉo, 18a de julio

09.00 Malfermo de "Libroservo"
10.00 Solena Inaŭguro de la Kongreso
12.00 Cseh-kurso
12.00 2a Prelego
14.00 "Giganta paelo" kun *sangría*, ĉe la plaĝo
17.30 Prezentado de "Novaj Libroj"
17.30 Kunsido de ILEI-anoj
19.00 Ronda-tabla konferenco de la Eŭropa Esperanto-Forumo
21.00 Teatro en Esperanto

### Lundo, 19a de julio

09.00 Ekiro de ekskursoj
09.00 Malfermo de "Libroservo"
09.00 Kunveno de la Patronaro de Fundación Esperanto
10.00 Generala Kunveno de HEF
12.00 Cseh-kurso
13.00 Akcepto de la Urba Registaro
14.00 Manĝo-paŭzo
16.00 Ronda-tabla konferenco pri la "Nuntempa situacio de la E-instruado en Hispanio"
17.00 2a Prelego
19.00 Internacia Arta Vespero 2
22.00 Vespera promena vizito al la urbo

### Mardo, 20a de julio

09.00 Ekiro de ekskursoj
09.00 Malfermo de "Libroservo"
10.00 Cseh-kurso
10.00 Literatura prezentado. Speciala programero
12.00 Prelego pri Esperanto por ne-esperantistoj
14.00 Manĝo-paŭzo
16.00 3a prelego de la Forumo
17.30 Filmo en Esperanto
17.30 Kunveno de "Monda Turismo"
19.00 Internacia Arta Vespero 3
21.00 Kongresa Vespermanĝo

### Merkredo, 21a de julio

09.00 Ekiro de ekskursoj
09.00 Malfermo de "Libroservo"

09.30 Prezentado de la kongresoj en Berlino, Telavivo, Zagrebo…
09.30 Cseh-kurso
10.00 4a prelego de la Forumo
11.00 Internaciaj E-Ekzamenoj
14.00 Manĝo-paŭzo
16.00 5a prelego de la Forumo
18.00 Solena Fermo de la Kongreso
18.00 Fermo de la Filatela Eksposicio
20.00 Hispana Arta Vespero, kaj adiaŭo

## Ĵaŭdo, 22a de julio

Ekiro de la Postkongresaj Ekskursoj

## Prelegontoj

Ĝis nun konfirmis sian partoprenon:

1— Rudolf Fischer. Universitato de Münster (Germanio). "La lukto de la Germanoj trovi novan nacian identecon en internacia mondo."
2— Kris Long. Britio."Pri la angla poeto Gerard Manley Hopkins"
3— Olga Kerziouk. Ukrainio."La brita biblioteko: historio kaj trezoroj"
4— Hetwig Fischer. Germanio."Ferakontoj de diversaj popolo"
5— David Galadi. Universitato de Barcelona."Astronomio"
6— Miguel Angel Sancho. Madrid."Esperanto en Internet"
7— Peng Zhengming. Ĉinio."Ĉina literaturo"

**Artaj ensembloj**

1— Folklorensemblo "Pajla Tegmento" (Pollando)
2— Junulara folklorgrupo "Bawatki" (Pollando)
3— Bulgara Esperanto-Teatro (BET).

Pli da informoj troveblas ĉe: [www.redestb.es/personal/a-casquero]

## Loĝado

1.- HOTEL INTUR (4-stela): Loko en dulita ĉambro: 6.500 pesetoj. En unulita: 9.000, ambaŭ kun matenmanĝo.

2.- HOTEL JAIME I (3-stela), en la urbocentro: Loko en dulita ĉambro: 5.500 pesetoj. En unulita: 8.100, ambaŭ kun matenmanĝo.

3.- HOTEL RESIDENCIA DOÑA LOLA (2-stela), tre proksima al la kongresejo: Loko en dulita ĉambro: 4.300 pesetoj. En unulita: 6.000, ambaŭ kun matenmanĝo.

4.- HOTEL MASSER (2-stela), en la urbocentro: Loko en dulita ĉambro: 4.000 pesetoj. En unulita 4.300. SEN matenmanĝo.

5.- RESIDENCIA DE ESTUDIANTES MIRAMAR (proksima al la kongresejo). Tre komforta. Loko en dulita ĉambro, KUN matenmanĝo: 3.000 pesetoj.

6.- RESIDENCIA BANCAJA: Tre komforta. Loko en dulita ĉambro, SEN matenmanĝo: 1.900 pesetoj.

7.- DIVERSAJ PENSIONOJ EN CASTELLÓN: Loko en dulita ĉambro: 2.100 pesetoj. En unulita: 2.300. En dulita con bankuvo: 2.400. Ĉiuj SEN matenmanĝo. La unuaj rezervontoj ricevos plej komfortajn kaj proksimajn lokojn.

8.- ALBERGUE MUNICIPAL DE VILLAREAL (vilaĝo 7 kilometrojn for de la kongresejo, komforta): Loko en dulita aŭ en trilita ĉambro: 800 pesetoj, SEN matenmanĝo. Se ne estos sufiĉe da mendoj oni devos nuligi ĉi tiun lokon.

Dum labortagoj eblas tagmanĝi ĉe la kongresejo. Nepras antaŭpagi la loĝadon. Post la 1a de majo aldonu 10% al la tuta kosto. Post la 1a de junio la LKK ne certigas rezervon. Se iu deziras resti pli da tagoj, bonvolu informi detale, por bone organizi la rezervon. Kiu volas okupi lokon en dulita ĉambro povas informi kun kiu li/ŝi deziras disdividi la ĉambron.



# 58a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

CASTELLÓN, 17a—21a DE JULIO 1999

Kongresejo: Facultad de Ciencias Jurídicas y Económicas. Universidad "Jaime I", Campus de Riu Sec. Castellón

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..................................................

Antaŭnomo, s-ro/s-ino/f-ino (1) ....................................

Aĝo (2) ............................ Profesio (2) ...............

Adreso .............................................................

Urbo ........................... Poŝtkodo .. Provinco ..........

Mi aliĝas al la 58a Hispana Kongreso de Esperanto kaj sendas per poŝtmandato, ĉeko aŭ banko la jenan sumon:

| Kongreskotizoj: | ĝis la 1a de majo, ptoj | poste, ptojn |
|---|---|---|
| Kongresano 1 (ne HEF-ano) | 3.500 | 4.000 |
| Kongresano 2 (HEF-ano) | 3.000 | 3.500 |
| Kunulo de Kongresano 1 | 3.000 | 3.500 |
| Kunulo de Kongresano 2 | 2.500 | 3.000 |
| Membro de grupo (min. 15-persona) | 2.500 | 4.000 |
| Donacon | | |
| ENTUTE: | | |

Plenigu apartan aliĝilon por ĉiu familiano samtempe aliĝanta

(1) Forstreku la nevalidan; (2) Nur por statistiko

Sendu la monon al Caja de Ahorros del Meditarraneo (CAM), Avenida Rey D. Jaime, 74; 12001 Castellón; cuenta "58 Congreso Español de Esperanto"; n-ro: 2090 0327 13 0000139612, kaj samtempe la aliĝilon kaj kopion de la konfirmo de la pago al la Kongresa Sekretario; Av. Burjasot 29, A-31; 46009 Valencia.

**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**

KOTIZO ESTAS PERSONA. ĜI NE ESTAS REPAGEBLA.

| Pago ricevita | Konfirmilo sendita | Loĝejo mendita |
|---|---|---|

58a Hispana Kongreso de Esperanto



Venu kaj miru



# BRAVE!

### Teatro

Jen bonega novaĵo por la partoprenantoj en la Hispana E-Kongreso: la tre konata kaj prestiĝa Bulgara Esperanto-Teatro (BET) prezentos tri teatraĵojn!

### Senpagaj aŭtobusoj

Cetere, la urbaj aŭtoritatuloj donacos al la kongresanoj biletojn por senpaga uzo de la urbaj aŭtobusoj. Tio estas speciale grava por ke la *sunbanemuloj*, kiuj deziros viziti ĉiutage la plaĝon, iru de la kongresejo (Universitato) ĝis la plaĝo.

### Senpaga Paelo

Jam estas konfirmita la kuirado de giganta paelo (*paella*) por 500 homoj. Kompreneble, la gekongresanaro ĝuos ĝin senpage. La komuna manĝo okazos liberaere, dimanĉe la 18an, ĉe la plaĝo.

**Kaj Kiom da bonegaj prelegantoj!!!**

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora